


# INTERNACIA FERVOJISTO

## 2013.5

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# VOJOJ AL SUKCESO

Dum la komitatkunsido de IFEF en la lasta kongreso en Bordozo la komitatanoj pridiskutis la estonton de IFEF. Kiel plue? Pri tio estis decidite establi provizoran komisionon, kiu konsistis el 12 eminentaj fervojistaj esperantistoj. Ĝi laboris dum la kongreso en kelkaj vesperoj, eĉ ĝis noktomezo, sed la rezulto estis malmulte. Tiu temo vere estas tikla, eĉ serioza, ĉar la tendenco de la fervojista Esperanto-movado ne montras bonan aspekton. Multaj landaj asocioj de IFEF ĉesis en la lastaj dudek jaroj, kaj multaj ankoraŭ funkciantaj landaj asocioj nur vegetas. La membro-nombro de IFEF rapide malaltiĝas. Se ni analizas la agadon de nia federacio, ni povas konstati, ke la labormetodoj en la kadro de la estraro, de la komitato, de la komisionoj, eĉ de la landaj asocioj ne estas sufiĉe efikaj. Kion ni faru?

Antaŭ pr. du jaroj mi ricevis broŝuron de s-ro Heinz-Dieter Hartig, kiu estas eminenta germana fervojista esperantisto, Honora Membro de IFEF. La titolo de tiu broŝuro estas: „Vojoj al sukceso”. En ĝi li prilaboris detalajn proponojn por aktivigi la organizadon de nia federacio, vigligi nian movadon. Mi multe pensadas, kiamaniere mi povus publikigi tiun valoran materialon en nia faka revuo IF, ĉar la broŝuro havas 37 ĉapitrojn sur 53 paĝoj en kvin gravaj temoj, kiuj estas: en la grupoj; kursoj; prelego kaj raporto; varbado; ĝeneralaj temoj.

Mi estas konvinkita, ke la enhavo de tiu broŝuro – la demandoj, konstatadoj, konsiloj kaj proponoj – povas helpi al ni ĉiuj por plibonigi nian laboron, por difini la farendaĵojn.

En la sekvaj numeroj de IF mi ŝatus trovi taŭgan formon por aperigi tiun. S-ro Hartig – kiel sloganon – skribis sur la frontpaĝo de la broŝuro: „Nur per raciaj metodoj kaj rimedo ni progresos kaj travivos sukceson”.

Mi esperas, ke la proponoj de s-ro Hartig vere helpas trovi la vojojn al sukceso.

**István Gulyás**

**FRONTPAĜO:**
**Malnova lokomotivo por nostalgia trajno**

# ENHAVO:

# LA 98-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO EN ARKTA MEDIO

Post la tropika 97-a Universala Kongreso de Esperanto sekvis kvazaŭ arkta 98-a UK en la granda insulo Islando inter la 20-a kaj 27-a de julio 2013. La kongreso okazis en la ĉefurbo de Islando, Rejkjaviko, en la moderna kongresejo „Harpa”.

**Pri Islando**




La historio de Islando estas sufiĉe mallonga. En la jaro 874 Ingólfur Arnarson la unua enmigrinto ekloĝis sur la loko de la nuna ĉefurbo. Al la loko li donis la nomon Rejkjaviko, kio signifas „vaporgolfeto”. Arnarson estis vera vikingo, kiu fuĝis el Norvegio pro la superregado de ĝia reĝo. Multaj bienistoj kaj nobeloj sekvis lin en la sekvaj 50 jaroj, kaj ankaŭ iris tien irlandanoj kaj skotoj.

En 930 estis fondita la leĝasembleo „Alpingi”, kiu estas la plej malnova ankoraŭ funkcianta parlamento de la mondo. En la jaro 1000 la islandanoj adoptis la kristanismon. Islando fariĝis parto de la norvega regno en 1262, kaj en 1397 de Danio. En la 1300-aj jaroj la vulkano Hekla trifoje erupciis, kio okazigis grandajn pereigojn inter la loĝantaro kaj la bestaro. Islando fariĝis sendependa respubliko en 1944. Hodiaŭ ĝi havas proksimume 320 mil loĝantojn.

La areo de Islando estas 103 mil $km^2$-a. Ĝi estas la 18-a plej granda insulo de la mondo, kaj la dua de Eŭropo. Kvankam ĝi estas parto de Eŭropo, tamen la islanda insulo estas pli proksime al Ameriko. Islando geologie estas relative nova, kaj ĝi troviĝas sur la limo de la du tektonikaj platoj, kiuj apartigas Amerikon kaj Eŭropon. Pro tio ĝi abundas varmegajn fontojn, kaj oftas vulkanaj erupcioj. Islando havas 140 vulkanojn, sed la nombro de la krateroj estas pli ol mil. El inter ili 26 vulkanoj ankaŭ nuntempe funkcias. La plej konata vulkano estas la 1491 metrojn alta „Hekla”. Multaj gejseroj troveblas en Islando, pro kio la geotermika energio estas facile alirebla. La 10%-ojn de la surfaco de Islando kovras glaciejo, kies dikeco kelkloke estas pli ol mil

metroj. La plej alta monto havas 2119 metrojn. La lando ne havas longajn riverojn, nur sur la suda parto de la insulo estas kelkaj mallongaj, tamen multakvaj riveroj kaj belegaj akvofaloj.



***Rejkjaviko***

Islando havas kvar naciajn parkojn, la plej konata estas la „Pingvellir Nacia Parko”, kiu estas parto de la monda heredaĵo. La insulon kovras maldensa vegetaĵo, kaj 2-3 metrojn altaj betuloj troveblas tie. Ĝia faŭno konsistas ĉefe el maraj fiŝoj kaj bestoj, sed oni povas vidi polusajn vulpojn, nordajn cervojn kaj kelkajn marbordajn birdospecojn.

La fiŝkaptado estas la plej grava ekonomia branĉo de la lando, kaj sendube la turismo estas la dua. La tria grava branĉo estas la industrio de aluminio. Krome la loĝantaro bredas ŝafojn kaj ĉevalojn. Islandaj ĉevaloj estas iomete malpli grandaj ol la ceteraj de la mondo, sed okulvide tio ne estas konstateblaj.

En Islando absolute mankas fervojoj, eĉ tramoj ankaŭ ne troviĝas tie. Kolonioj troveblas nur apud la maro. La islanda lingvo apartenas al la nordiaj lingvoj, kaj estas la gepatra lingvo de la plej multaj loĝantoj de Islando. Ĝi estas la oficiala lingvo de la tuta administracio en Islando.

**Pri Rejkjaviko**

La ĉefurbo situas ĉe la sudokcidenta marbordo de Islando. Tie loĝas preskaŭ la duono de la islanda popolo.

La evoluado de la urbo rapidiĝis post la dua mondmilito. El la provinco multaj islandanoj transloĝiĝis al la ĉefurbo, ĉar pro la evoluo de la agrikulturo ĝi bezonis pli malmultajn laborfortojn. Rejkjaviko iĝis moderna urbo. La urbon direktas la urba konsilantaro, kiu havas 15 membrojn.

La klimato de la urbo estas pli varma, ol la norda latitudo povas supozebligi. En julio la meztemperaturo estas 13 °C. Komence de la kongreso regis pluvo kaj malaltaj temperaturoj de 10 ĝis 12 °C, sed dum la semajno la vetero pliboniĝis, kaj fine la kongresanoj spertis 26 °C-an. Kvankam tage estis agrable varma, la vesperoj ofte sentiĝis tre freŝaj.

Rejkjaviko, la kongres- kaj ĉefurbo de Islando sin prezentas tre ĉarme kun malvastaj stratetoj, en kiuj oni trovas multe da gastejoj kaj butikoj. Mankas ĉielskrapantaj konstruaĵoj. Multaj katoj krucas la vojon promenante tra la stratetoj. Grandaj partoj de tiuj stratetoj posttagmeze funkcias kiel promenad-zono. Impona estas la katedralo, starante sur la altaĵo super la urbo, servante kiel lumturo por fremduloj.

La loĝantoj de Rejkjaviko estas tre gastemaj kaj afablaj. La gastronomio sin prezentas tre varie kaj ne mankas manĝejoj aŭ trinkejoj.
En la urbo troveblas multaj aŭtomobiloj, eĉ 680 aŭtomobiloj apartenas je mil loĝantoj. Malgraŭ tio en la urbo oni povas malofte sperti trafikan ŝtopilon. La urba trafiko estas nur per aŭtobusoj kaj taksioj. Estas populara la trafiko per biciklo. Rejkjaviko havas du havenojn. La malnovaj troveblas ĉe la urbocentro por la fiŝkaptistoj kaj la promenadŝipoj. La alia haveno servas por la ŝarĝtrafiko. La urbo havas multajn ĉeflernejojn kaj universitatojn. En la lastaj jardekoj la aktiveco de la sporto grave evoluis, ĉefe la futbalo kaj la manpilko.



*Akvofalo en Islando*

La kongresejo „Harpa”, finkonstruita nur en la jaro 2011, normale funkcias kiel koncertejo kaj operejo.

**Pri la kongreso**

Jam la duan fojon okazis Universala kongreso en Islando. En la nuna kongreso partoprenis 1034 kongresanoj el 55 landoj de ĉiuj mondopartoj.

La *Komitato de UEA* – kiel kutime – jam kunsidis sabate antaŭ la oficiala inaŭguro. La komitato diskutis pri la nombro de la elektotaj estraranoj, kaj aŭskultis sinprezentojn de la kandidatoj. Fine la komitatanoj elektis novan estraron, kiu ŝajnas esti energie renovigema.

Prezidanto estas Mark Fettes (Kanado), kiu volas modernigi kaj plifortigi UEA-n.

Vicprezidanto estas Stefan MacGill (novzelandano, vivanta en Hungario), kiu serĉas novajn vojojn por instruado, uzante la reton kurscele.

Ĝenerala sekretario estas Martin Schafer (germano, vivanta en Meksikio), kiu intencas plibonigi la movadon, kaj haltigi la malpliiĝon de la membronombro.

Estrarano estas Lee Jung-kee (Korea Resp.), kiu strebas al interkontinenta kunlaboro de kursgvidantoj kunlabore kun ILEI.

Estrarano estas José Antonio Vergara (Ĉilio), kiu klopodas renovigi kaj pliefikigi la agadon de UEA per konstruo de reciproka sento de solidareco inter UEA unuflanke kun la fakaj asocioj, aliflanke kun la regionaj societoj.

Estrarano estas Barbara Pietrzak (Pollando), kiu celas fortigon de identecosento de ĉiuj membroj de UEA kun sia tegmenta asocio.

Estrarano estas Stefano Keller (hungaro, vivanta en Svislando), kiu planas kreskigi la prestiĝon de UEA en Internaciaj organizaĵoj.

La komitato ankaŭ elektis tri novajn Honorajn Membrojn, kaj akceptis la aliĝpeton de la Albana Esperanto-Asocio, kiu fariĝis la 71-a landa asocio de UEA.

Grava programero estis la *Inaŭguro* de la kongreso. La alta protektanto, la islanda prezidento Ólafur Ragnar Grímsson ĉeestis la inaŭguron, kaj legis sian salutmesaĝon, premiitan per forta aplaŭdo. Ĉeestis ankaŭ kvar membroj de la honora komitato, kaj kelkaj ambasadoroj. La inaŭguro estis ankoraŭ gvidata de la malnova estraro, kies prezidanto Probal Dasgupta lastfoje faris kongresan festparoladon. Oni laŭtlegis la jam tradician salutmesaĝon de d-ro Zaleski-Zamenhof, kaj salutis la kongreson la reprezentantoj de TEJO, ILEI, SAT kaj Akademio de Esperanto. La solena inaŭguro finiĝis per la tradicia saluto de la landaj reprezentantoj.


*Belega gejsero*

Dimanĉe posttagmeze okazis la *Kontaktkunveno de IFEF*. Partoprenis tiun 15 homoj el 8 landoj. La vicprezidantino de IFEF, s-ino Sylviane Lafargue bonvenigis la partoprenantojn kaj legis la salutvortojn de la prezidantino s-ino Rodica Todor. Ŝi raportis pri la lasta IFEF-kongreso, okazinta en majo en Francio, kaj prezentis klarigojn pri la venonta kongreso en Italio. Fine oni diskutis pri la ebleco por kontaktigi fervojistojn kaj gejunulojn. Fakekskurso ne okazis pro la manko de fervojaj instalaĵoj, tamen kelkaj gekongresanoj malkovris etan lokomotivon en la haveno de Rejkjaviko.

Jam estas tradicie, ke okazis *Kleriga Lundo* en tri zonoj kun paralelaj programoj. Marde estis la *Tago de la Lernejo* kun la temo „Edukado por justa komunikado”. Okazis *Subkomitataj Kunsidoj, Faka Forumo* kaj *Internacia*

*Kongresa Universitato.* En la kadro de la *Strategia Forumo* oni diskutis la novan strategian laborplanon de UEA. La kongresa temo: „Insuloj sen izoliĝo: por justa komunikado inter lingvokomunumoj" estis pritraktita dum la kongreso. Okazis urba akcepto, prezento de venontaj UK-j, kunsidis la Akademio de Esperanto, k. a., do buntaj kaj abundaj programeroj.

Vendrede okazis la lasta kunsido de la *Komitato de UEA* kun emfazo sur la estonta agado. La Komitato aprobis la starigon de Konsilio kaj tiun regularon, kiu difinas ĝian rolon. Entute 14 konsilianoj estis akceptitaj, kun kiuj kunlabore la nova estraro enkondukos novan kaj espereble pli efikan laborstilon. La Konsilio povas fari rekomendojn al la Estraro kaj la Komitato, sed tiuj ĉi restas la solaj decidorganoj de UEA. La celo tamen estas, ke sur la diversaj agadkampoj la koncernaj estraranoj kaj konsilianoj formu koheran teamon, kiu kunpensos kaj kunaktivos en praktika kaj harmonia manieroj.

La Komitato akceptis la buĝeton por 2014, kaj iomete longe traktis pri la nova plurlingva retejo, per kiu oni povas trovi informojn pri la laboro de UEA, kaj la nova retejo donas spacon al la landaj kaj fakaj asocioj.

Aperis kvin numeroj de la *Kongresa Kuriero* „Aŭroro", kiu helpis al la kongresanoj informiĝi pri la eventoj de la kongreso.

Inter la *Kulturaj Programoj* la Nacian Vesperon akompanis granda intereso, en kies kadro la islandanoj prezentis sian landon kaj kulturon. Estis tre impona la korusa kantado. La Internacia Vespero ĉiam konsistas el kontribuoj de la partoprenantoj. Nun aŭskultiĝis kantoj, poemoj, pian- kaj flutludado, eĉ oni spektis teatraĵeton kaj dancojn.

Tre variaj estis la *Ĉiutagaj Ekskursoj*, dum kiuj la partoprenantoj ekkonis vidindaĵojn de la ĉefurbo, kaj admiris la ĉirkaŭaĵon de nekutima, foje lumaspekta pejzaĝo. Ravis neĝkovritaj montaroj, multakvaj rivеretoj, multnombraj akvofaloj, vulkanoj, rokoj, admirindaj gejseroj, lafokampoj, azuraj lagunoj kun varma akvo, lagoj, flosantaj grandaj glacipecoj, vaporfontoj ktp. Do la partoprenantoj spertis, ke Islando estas mirinda lando.

Dum la *Fermo* de la kongreso estis premiita per „Trofeo Fyne" la Vjetnama Esperanto-Asocio pro la sukcesa organizado de la 97-a UK en Hanojo. Oni transdonis la „Premion Deguĉi" al la reta projekto „Lernu net", kaj estis honorigitaj 12 eminentaj esperantistoj per „Diplomo pri Elstara Agado". La vicprezidantino de IFEF ricevis eblecon saluti la ĉeestantojn, kaj inviti ilin al la sekva IFK. La nova prezidanto de UEA aprecis la kongresan semajnon, la efektivigitajn laborojn kaj la kongresajn okazaĵojn, kaj fine fermis la kongreson.

La venontjara UK okazos en la ĉefurbo de Argentino, do ĝis revido tie en 2014.

**Sylviane Lafargue** kaj **Ernst Quietensky**




Kongresnumero________

# ALIĜILO por la 66-a kongreso de IFEF 17-a ĝis 24-a de majo 2014

**LKK-adreso :** Vito TORNILLO via S. D'Acquisto, 9/5
IT-40050 Monte San Pietro –BO– Italio

Retadreso : **vitorni@virgilio.it**

**Banko nomo: Banca Popolare di Ancona - San Benedetto del Tronto**

**Konto Nomo: Filippo Calabresi**

**IBAN: IT28T0530824400000000000346 BIC: B PAM IT 31**

**Mi aliĝas al la 66-a IFEF-kongreso en urbo San Benedetto del Tronto - Italio**

IFEF-ano jes □ ne □ viro □ virino □

Familia nomo :...........................................................................

Persona nomo :............................................Naskiĝjaro:……….

Adreso: strato...............................................................................

Poŝtkodo: ………..Urbo:.................................... Lando:.............

Telefono:..........................Retadreso:...........................................

| Kongreskotizo en eŭroj | Ĝis 31.01.2014 | Poste | Sumo |
|---|---|---|---|
| IFEF-membro | 60 | 80 | |
| Familiano kaj junul(in)o ĝis 30 jaraj kaj loĝantoj el B-landoj laŭ UEA-difino | 30 | 50 | |
| Ne IFEF-membro | 75 | 95 | |
| Ĉambro-perado por aliĝilo | | 3 | |
| Tranoktado laŭ elekto (minimume 1 nokto) | | | |
| Libervola donaco al la kongresa kaso | | | |
| **Proponataj ekskursoj en eŭroj** | | | |
| Dimanĉon | Urbo vizitado | 5.00 | |
| Lundon | Duontaga ekskurso 1 | 15.00 | |
| Merkredon | Tuttaga ekskurso | 50.00 | |
| Vendredon | Duontaga ekskurso 2 | 15.00 | |
| Sabaton | Krom restado (ekskursoj) x tagoj | | |
| **Sume en eŭro** | | | |

Loko, dato…………………………………… Subskribo……………………………….

Kongresnumero__________

# Ĉambro mendilo

## Por la 66a IFEF kongreso San Benedetto del Tronto - Italio

17a ĝis 24a de majo 2014

(Bonvolu plenigi la formularon majuskle) s-ro ☐ s-rino ☐

Familia nomo: ..........................................................................

Persona nomo: ............................................. Naskiĝjaro:………..

Adreso: strato.......................................................................

Poŝtkodo,……….. Urbo:.................................. Lando:...................

Mi mendas jenajn noktojn (Bonvolu kruci laŭ via deziro) :

| Noktoj | 15/16 | 16/17 | 17/18 | 18/19 | 19/20 | 20/21 | 21/22 | 22/23 | 23/24 | 24/.... |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | | | | | | |

| Ĉambroprezo kun **plena pensiono** por unu persono kaj por unu nokto | 4-stela hotelo | 3-stela hotelo |
|---|---|---|
| Unulita ĉambro | 65,00 € | 55,00 € |
| Dulita ĉambro | 58,00 € | 50,00 € |

Mi elektas hotelon …………..stela ………..lita ĉambro

Mi pagas la kotizon de unu nokto je mia aliĝo, la reston mi pagos al la hotelo.

Mi deziras loĝi kun:..................................................................................

Mi konfirmas, ke mi konsentas kun la Ĝeneralaj instrukcioj presitaj en ĉi tiu aliĝilo kaj aparte deklaras, ke mi havas san-kaj akcident- asekuron por mia restad-tempo en Italio dum la 66-a IFEF-Kongreso.

Mi konsentas ke mia nomo, lando, urbo aperu en kongreslibro ☐

Mi alvenos al San Benedetto del Tronto per ………....la........ .-an de majo je la….......-a horo.

Loko,………………...dato………….. …. Subskribo……………………….....

Notoj por via bezonoj:

**PROVISORA PROGRAMO 66a IFEF Kongreso San Benedetto del Tronto**

| | | |
|---|---|---|
| 17.05 Sabato | 08.00- | Akceptejo/informejo |
| | 14.00-15.00 | Gazetara konferenco |
| | 19.00-21.00 | Kunveno de la IFEF Estraro/LKK kaj Estrarkunsido de IFEF |
| | 21.00-22.30 | Interkona vespero |
| 18.05 Dimanĉo | 08.00-13.00 | Akceptejo/informejo funkcias |
| | 09.00-11.30 | Solena Inaŭguro |
| | 11.30-12.00 | Komuna foto |
| | 14.30-16.00 | Kunsido de la Faka Komisiono + ILEI seminario |
| | 16.00-19.00 | Urbo vizitado |
| | 21.00-23.00 | Musika nacia vespero |
| 19 .05 Lundo | 08.00-12.00 | Informejo/Libroservo funkcias |
| | 09.00-12.00 | ILEI seminario |
| | 09.00-12.00 | Nepublika komitatkunsido |
| | 14.00-19.00 | Duontaga ekskurso 1 |
| | 21.00-23.00 | Folklora vespero |
| 20.05 Mardo | 09.00-12.00 | IFEF-Plenkunsido |
| | 14.00-15.30 | La venonta kongreso sin prezentas |
| | 15.30-17.00 | Movadaj aferoj + ILEI seminario |
| | 17.00-19.00 | Regiona presentado |
| | 20.30-00.00 | Dancvespero |
| 21.05 Merkredo | 09.00-19.00 | Tuttaga ekskurso kun tagmanĝo. Loreto-Recanati-Osimo-Castelfidardo |
| | | Libera vespero |
| 22.05 Jaŭdo | 08.30-12.00 | Informejo/Libroservo funkcias |
| | 09.00-10.00 | Fakprelego |
| | 10.00-11.30 | ILEI-seminario |
| | 10.00-12.00 | Fervojaj novaĵoj |
| | 14.00-16.00 | Terminara Komisiono |
| | 16.00-18.00 | Solena Fermo |
| | 21.00-23.00 | Koncerto |
| 23.05 Vendredo | 08.30-13.30 | Duontaga Ekskurso 2 |
| | 14.30-16.00 | Libera posttagmezo |
| | 20.30-23.00 | Ĝis revida vespero |
| 24.05 Sabato | 08.00-16.30 | Forveturo hejmen aŭ al postkongreso |
| | Ekskursoj por la restantoj: Frasassi grotoj – natura parko el montaro Gran Sasso – Urbino – aliaj vidindaĵoj aŭ maro. | |

# ĜENERALAJ INSTRUKCIOJ

1. Ĉiu partoprenanto bonvolu plenigi kaj sendi apartan aliĝilon por la kongreso al adreso de LKK.
2. Sendu la pagon, nur en eŭroj, al la indikita bankkonto de la LKK. Oni traktos la aliĝilon nur post alveno de la pago.
3. Se vi pagas por alia persono, kiu nepre devas sendi apartan aliĝilon, menciu precizajn informojn pri la koncerna persono (nomo, lando, adreso).
4. Kongreskotizo neniukaze estas repagebla. La pagoj por la ceteraj servoj estas repageblaj post la depreno de 10% por administrado, kondiĉe ke LKK ricevis la malmendon antaŭ la 31-a de marto 2014.
5. LKK konfirmos la akcepton de ĉiu aliĝilo post la ricevo de la koncerna pago kun indiko de via kongresa numero kaj de ĉiuj antaŭmenditaj kaj antaŭpagitaj servoj.
6. LKK havas la rajtojn ŝanĝi la prezojn, se inflacio aŭ aliaj ne antaŭvideblaj kondiĉoj postulus tion.




Freŝaj informoj en: www.ifef.net



Kiel atingi San Benedetto:
Aviadile al flughavenoj de Ancona kaj Pescara; povus esti pli taŭga tiu de Bologna (pro la pligranda ebleco da flugoj) kaj poste trajne.
Trajne: de Bologna, ĉiuj IC al Bari haltas en SanBenedetto (3 Horoj); per rapidaj trajnoj (FB) kun ŝanĝo en Ancona.
Aŭtomobile: laŭ la adriatika aŭtoŝoseo.
La kongresejo situas tuj malantaŭ la stacidomon, piede 3 minutoj.

# La 65-a IFEF-KONGRESO
## per la okuloj de nefervojisto

*Temo de la kongreso: Rolo de la fervojoj en la disvolviĝo de la moderna mondo.*

Ĝi okazis en la sudokcidenta parto de Francio de la 4-a ĝis la 11-a de majo 2013 en *Artigues près Bordeaux* (Artigues ĉe Bordozo). Samtempe kongresis UFE (Unuiĝo Franca por Esperanto). Esperanto harmonie kunigis la du asociojn. La aranĝojn partoprenis pli ol 250 geesperantistoj el 17 landoj. Al la kunorganizado multe helpis la ĝirondia Esperanto-grupo, kies prezidanto estas Bernard Sarlandie. Pri altkvalitaj kulturaj programeroj, en kiuj rolis ĉiuj grupanoj, zorgis precipe Marcelo Redoulez kun Claudine Pomirol. Jam la nekutima interkona vespero donis imagon pri io eksterordinara, kaj tiel efektive estis dum ĉiuj vesperaj kulturaj programeroj. Multaj surprizoj atendis nin. Al interkoniĝo kontribuis per akordiona muzikado kaj E-kantoj la konata franca esperantisto FAMO.




En la dimanĉa solena inaŭguro honorigis nin la vicprezidanto de la ĝenerala konsilio Jean-Marie Darmian. La bonvenigon de la ĉeestantoj komencis la prezidantino de LKK (Loka Kongresa Komitato) Sylviane Lafargue. Salutis Rodica Todor - la prezidantino de IFEF, Claude Nourmont - la vicprezidantino de UEA, Bernard Sarlandie - la prezidanto de ĝirondia E-grupo, Stefan Mac Gill nome de ILEI. Sekvis kantado de E-himno kun akordiona akompano de FAMO. Post la paŭzo komenciĝis salutado de ĉiuj reprezentantoj de ĉeestantaj landaj asocioj, kaj oni legis ret-alvenintajn bondezirojn de gravaj organizaĵoj kaj unuopuloj, inter kiuj ankaŭ tiu

de Probal Dasgupta, la prezidanto de UEA. Antaŭ la fino Rodica Todor honorigis kaj transdonis diplomojn al Jeannine Daguin, Bernard Sarlandie kaj Marcelo Redoulez pro ilia meritplena laboro por Esperanto. Post la tradicia komuna fotado ĉiuj estis invititaj al aperitivo okazanta antaŭ la restoracio. Sunbrilo aperis sur ĉiuj vizaĝoj.

Dum la semajno okazis fakaj prelegoj, komitat-kunsidoj, diversaj labor-kunvenoj, oni pritraktis movadajn aferojn, prezentis novaĵojn el fervoja mondo. Kundiskutis terminara komisiono, okazis ILEI sesio pri la projekto de E-kurso ne nur por fervojistoj. Tre allogaj estis la prezentoj de la venontaj IFEF-kongreso en Italio, kaj tiu de UEA en 2015 en Lillo. Oni spektis filmon pri Esperanto kaj mallongan humuran desegno-filmeton "La bariergvardistino". Daniel Moirand tre lerte rakontis pri "Mil kaj unu noktoj". Stefan Mac Gill prelegis pri "Rolo de la fervojo en moderna mondo", Michel Lafosse tre kompetente kaj detale prelegis pri "Bordoza tramo". Lia prelego kompletigis antaŭan viziton de kelkaj interesuloj al la tram-prizorgejo. Ili konstatis grandan similecon kun trajn-riparejo. Robert Combes kun sia edzino prezentis bildojn pri la konstruado de la "Viadukto des Fades", nuntempe jam ne funkcianta. Mireille Grosjean parolis pri "Japanaj trajnoj", Andrej Grigorjev el Kranojarsk pri "Siberia fervojista sindikato", Pjer Buvje pri la "Unua libro kaj la Bona Lingvo", Marcelo Redoulez pri "Bordozaj Maskeronoj". Bone funkciis libroservo, okazis ekumena Diservo. La prezidanto de la ĝirondia E-klubo Bernard Sarlandie kontaktis ĵurnalistojn kaj oni aperigis artikolojn pri Esperanto. Aperis tri numeroj de kongresa bulteno. Estis reelektita la ĝisnuna estraro por trijara periodo. Ankaŭ UFE elektis kaj prezentis novan estraron kaj pridiskutis siajn movadajn aferojn. Al agrabla postagmezo-fino kontribuis la muzikgrupo "Maragane" instruante gaskonajn dancojn. Alian tagon same entuziasme instruis kantadon Ankie kaj Nanne - la duopo el Kajto. Ambaŭ grupoj prezentis vesperan koncerton. Ili plezurigis la ĉeestantojn - pri tio atestis longaj varmaj aplaŭdoj. En aliaj vesperoj temis pri lirikaĵoj de Morine Stride kaj plaĉaj kantoj kun pian-akompano de Isabelle. Tre amuzan spektaklon "La sekreto de la magia trajneto" prezentis kanta kaj teatra trupo "La Kompanoj" de Esperanto-Ĝirondio. Ĝi estis speciale kreita por la fervojista kongreso. Bankedo plensatigis ĉiujn kiuj partoprenis ĝin. Tripersona

fervojista orkestro dancigis kelkajn ĉeestantojn. Al la internacia vespero kontribuis la ĉeestantoj per kantoj, poemoj, mallongaj rakontoj kaj muzikado. Okazis pluraj duontagaj ekskursoj, dum kiuj ni vizitis (per piede aŭ el panorama buso), la belan urbon Bordozo. Alia interesa vizito gvidis nin al la rava mezepoka urbeto *Saint Emilion* (Sankta Emiliono) situanta en la koro de la bordoza vitejo. Ĝi estas konata ĉefe pro bona ruĝa vino, kiun ni gustumis ĉe la fino de la vizito. Alia tiea specialaĵo por frandemuloj estis makaronoj. Nu, la urbeto riĉas je historio. La plej interesa malkovro por ni estis vizito de la plej vasta monolita preĝejo en Eŭropo. Aliaj ekskursantoj partoprenis viziton al la Citadelo de Blajo. Marde la tuttaga ekskurso kondukis nin al Arkaŝono. Tie ni surgrimpis la dunon *Pilat* por spekti vastan ĉirkaŭaĵon - unuflanke arbaron, aliflanke maron. La sablo estas tre fajna. Ŝippromenado tra la arkaŝona golfeto ebligis vidi la dunon de alia flanko. Ĝi etendiĝas je distanco de 2,7 kilometroj kaj altas pli ol 100 m-jn super la marnivelo. Bonege ni tagmanĝis en loka restoracio. Alia tuttaga ekskurso vizitigis al partoprenantoj la subĉielan landezian vilaĝon Markvezo. Ambaŭ ekskursoj estis riĉenhavaj kaj ĉiuj partoprenantoj estis tre kontentaj. Post la solena fermo kaj transdono de la kongresa flago la fama koruso “Interkant” prezentis tre interesan spektaklon pri la opero Karmen sub la gvido de Franjo Lévèque.

La postkongresa ekskurso kondukis nin al *Pauillac* (Pojako), kie ni iom aventureme enŝipiĝis por atingi la insuleton *Patiras* (Patiraso). Tie ni ekologie tagmanĝis laŭ ne kutima maniero - sen manĝilaro. (Tiamaniere estas ŝparata 40 litroj da akvo por persono). Ĉio bongustis. Al bonhumoro kontribuis Kajto.

Konklude: ambaŭ kongresoj estis tre sukcesaj kaj oni havis okazon ekkoni novajn samideanojn. Alia pozitiva afero estas, ke kelkaj esperantistoj membriĝis ĉe IFEF kaj estis akceptita nova landa fervojista asocio en Kubo. Pro tre alloga prezento, fare de italoj kelkaj entuziasmuloj (ne fervojistoj), jam aliĝis al la venonta IFEF-kongreso okazonta en la itala urbeto *San Benedetto del Tronto* situanta 300 km-jn sude de *Bologna*. Aliĝu ankaŭ vi, ĉar la italoj garantias belan sunan veteron kaj buntan programon!

Ni ĝuis tre agrablan semajnon enhavantan riĉan programon, interesajn kulturajn programerojn sukcesplene preparitajn de lokaj geesperantistoj. Grandan dankon al ili.

*Liba Gabalda*





## La 65-a IFEF-KONGRESO en ARTIGUES ĉe BORDOZO





4a -11a Majo 2013

La bordozaj maskeronoj

Fajfu, jen la vivo !

Fotis kaj aranĝis Liba kaj Floreal Gabalda

# La ĉefa fakprelego en *Herzberg* – la Baltmara Interligo – plia evoluo – n-ro 3

*Novaj evoluo kaj projektoj en la germana parto de la Baltmara Interligo*



Kiel ni antaŭe rakontis, pri la elspezoj rilate al la bordo-ĝis-bordo-parto de la granda interliga projekto zorgas Danio. Germanio promesis per kontrakto zorgi pri la instalaĵoj necesaj sur la germana flanko.

Pri la fervojlinio *Lübeck - Puttgarden* oni jam decidis, ke en 2027, ses jarojn post la inaŭguro de la Baltmara Interligo mem, ĝi estu elektrizita. La planoj estas sufiĉe konkretaj, kaj projekt-teamo flanke de Germana fervojo DB laboras dum pluraj jaroj jam. Sed pri alia tre grava ĉenero, la *Fehmarnsund*-ponto*,* pri kiu ni rakontis en antaŭa artikolo, nur nun konkretiĝas la planoj. La ponto, kiu kunligas Germanion kun la insulo *Fehmarn,* havas 50 jarojn, kaj oni devas ion fari, por ke ĝi estu sufiĉe forta ero de la nova interligo, per kiu la vojaĝtempo Inter Hamburgo kaj Kopenhago malkresku al 90 minutoj ĝuste nun oni esploras pri du eblecoj fortigi tiun parton de la interligo: oni povas anstataŭigi la ponton per tunelo, aŭ oni povas konstrui duan ponton kiu povos kune kun la nuna porti antaŭvideblan pli grandan/pezan trafikon. Por ambaŭ part-projektoj (kaj ĉiu en si mem estas grandega) oni flanke de DB, kiu projektas kaj konstruas, strebas al eble plej intima kaj bona kunlaboro kun la lokaj instancoj, politikistoj kaj enloĝantoj.

**DEFA**

# EL FERVOJA MONDO

## *Aŭstrio:* ***Weinviertel* – regiono de provincaj fervojoj**

Aŭstria eldonejo *Railway-Media-Group* (*RMG*) en Vieno eldonis en marto 2013 unuan volumon de libro pri aŭstraj provincaj fervojoj en regiono *Weinviertel.* La libro „*Weinviertel* – regiono de provincaj fervojoj“ sur 112 paĝoj kaj en formo de fotografaĵoj informas pri historio de trafiko sur provincaj fervojlinioj *Stammersdorf - Dobermannsdorf*, *Zistersdorf - Drösing*, *Mistelbach Lokalbahn – Gänserndorf*, *Siebenbrunn-Leopoldsdorf – Engelhartstetten*. Pasaĝertrafiko sur ĉi tiuj linioj estas ĝenerale finita jam antaŭ pli ol 20 jaroj, sur iuj sporade funkcias vartrafiko, aliaj liniopartoj estas malmuntitaj kaj tute malaperintaj. Ĝuste lastajn jarojn de ekspluatado sur tiuj ĉi linioj montras fotoj en la libro. Temas pri tempo, kiam ĉi tie oni povis vidi antaŭmilitajn motorvagonojn, kaj vagonarojn plejparte kun duradaksaj pasaĝervagonoj, tirataj de pliaĝaj termikmotor-lokomotivoj. Resumo de la libro krom germana estas verkita en angla, sed ankaŭ en ĉeĥa lingvoj, do interesatoj pri fervoja historio, eĉ ne konantaj bone la germanan, povas legi pri historio de provincaj fervojoj en *Weinviertel* en la menciitaj lingvoj. Por eldono jam estas preparata la dua libro, kiu traktos pri provincaj fervojlinioj *Korneuburg – Mistelbach*, *Mistelbach – Hohenau*, *Dobermannsdorf – Enzersdorf bei Staatz*, kaj *Laa an der Thaya – Sigmundsherberg*. Ankaŭ ĉi tiujn fervojliniojn trafis simila fatalo, kiel fervojliniojn priskribitajn en la unua volumo. Estas menciinde, ke provincaj fervojlinioj en *Weinviertel* estis konstruataj dum Aŭstra-Hungara monarĥio surbaze de leĝo pri provincaj fervojoj, kelkaj estis konstruataj kiel reta kunligo precipe kun Vieno. Kelkaj projektoj tamen ne estis realigataj, ilian plenumon malebligis la unua mondmilito. El linioreto de provincaj fervojoj en *Weinviertel* nuntempe transvivas nur kelkaj: Sur tiuj, kie ĝis nun restas sternitaj trakoj, de tempo al tempo trafikas eĉ laŭordonaj trajnoj. Ekzemple sur fervojlinio *Mistelbach-Lokalbahn – Hohenau* 8. 12. 2012 trafikis Nikolaa trajno kaj sekvan tagon speciala vaporlokomotiva trajno por fotografistoj. Foto montras Nikolaan trajnon, tirata de vaporlokomotivo *ÖBB* 03.1430, kiam traveturas la haltejon *Ebersdorf.*

## *Ĉeĥio*: **Interesiĝo kreskas pri porklientaj servoj de ĈD**

Jam trian jaron sinsekve Ĉeĥaj Fervojoj *ČD* notis kreskantan interesiĝon pri siaj porklientaj servoj. En la jaro 2012 kompare al 2011 kreskis la nombro de transportitaj personoj je 3 milionoj, malgraŭ veninta konkurenco de privataj kompanioj, ekz. sur trajnkurso *Praha – Ostrava*. *ČD* en la jaro 2012 transportis preskaŭ 169 milionojn personoj. Kreskis la interesiĝo por vojaĝoj

en longdistanca kaj interŝtata trafiko. Pligrandiĝis ankaŭ nombro de vojaĝantoj en la aglomera fervojtrafiko, precipe en la ĉefurbo Prago. Tiuloke *ČD* enservigis novajn trajnojn kaj ofertis plibonigitan horaron.

Ĉeĥoj tiumaniere plicertigas kreskantan ŝtatecon de la trajnoj. Je ĉiu loĝanto, inkluzive suĉinfanojn kaj pliaĝulojn, apartenas mezkvante po 17 veturoj jare per trajno. Tio estas pli multe ol en novaj membrolandoj de Eŭropa Unio. Ĉeĥoj do vojaĝas per trajno proksimume samofte kiel francoj, belgoj aŭ nederlandanoj, kaj dank´ al tio finas vicon en unua triono de landoj en EU, kie homoj plej ofte uzas trajnon por siaj vojaĝoj.

*Germanio:* **Subtenaĵo por modernigi bremsojn en agordo kun EU**

Eŭropa Komisiono fine de 2012 aprobis programon por limigi la bruon de la fervoja vartrafiko en Germanio. Temas precipe pri modernigo de bremssistemoj en funkcianta veturilstoko, kiu okazos ĝis la jaro 2017 kaj entute kostos ĉirkaŭ 150 milionojn da Eŭroj. La Komisiono konstatis, ke la monsubtena sistemo koincidas kun la reguloj de EU por donado de ŝtathelpo. Tiu ĉi ebligas ricevi ĝis 50 procentojn da rimedoj el publikaj fontoj. Germanio transdonis la postulon al Eŭropa Komisiono en julio 2012.

*Hungario:* **Publika proponkonkurso por motorvagonkombinaĵoj**

En la komuna publika proponkonkurso de kompanioj MÁV kaj GySEV probable la firmao *Stadler* venkos por liveri 48 elektromotorajn veturilkombinaĵojn. Komence montris sin ok interesatoj, sed pli poste unu post la alia rezignis pro neeblo plenumi la limtempon por livero. Hungaroj ja deziras mendon financi el eŭropaj fondusoj ankoraŭ dum la kuranta financa periodo, kio signifas, ke la vagonkombinaĵoj devas esti liveritaj ĝis septembro 2015.

*Pollando:* **Metrotrajnoj *Inspiro* veturas sur reloj el Vieno al Varsovio**

La entrepreno Varsovia metroo (*Metro Warszawskie Sp.*) en la jaro 2013 fariĝos ekspluatanto de la veturilkombinaĵo tipo *Siemens Inspiro,* unu el la plej modernaj metrovagonoj en Eŭropo. Tiu ĉi estis publike prezentata en septembro 2012 en Berlina foiro *InnoTrans*. Al la pola ĉefurbo estos liverataj entute 35 sesvagonaj kombinaĵoj *Inspiro* en valoro 272 milionoj da Eŭroj. Samtempe estas kontraktita antaŭaĉeta rajto por pliaj 12 metrokombinaĵoj por linio n-ro 2. Temas pri la plej granda mendo, kiun *Siemens* iam el Pollando ricevis.

Liveroj el viena entrepreno de *Siemens* komenciĝis en la decembro 2012 kaj lasta el sesvagonaj metrokombinaĵoj laŭ kontrakto el la komenco de la jaro 2011 devas esti transdonita al la ekspluatanto antaŭ la fino de 2013. Dekkvin novaj veturilkombinaĵoj aperos sur funkcianta metrolinio n-ro 1, aliaj dudek

trafikos sur linio n-ro 2, kiu estas ankoraŭ konstruata. Nur unuaj dek veturilkombinaĵoj estas komplete fabrikataj en Vieno, fina muntado de la aliaj okazos en pola entrepreno *NEWAG* en urbo *Nowy Sącz*, proksime de pola-slovaka landlimo. La formon kaj aspekton de la veturiloj prizorgis la usona firmao *BMW Group Designworks USA*. Vastspaca internaĵo disponas pri larĝaj enirejoj en vagonojn, kiuj plifaciligu la transiron de homoj. Grandaj *LCD*-monitoroj montras supervideblan mapon de la metroo, kaj lumigo prizorgas agrablan atmosferon interne de la vagono. Ioman „ekstravagancon“ formas teniloj de manstangoj por vojaĝantoj, kiuj estas konstruitaj tiel, ke ili aspektas kiel arbetoj, kio estas parto de proponita solvo de la internaĵo. Alimaniere la pasaĝeroj veturontaj en nova varsovia metrotrajno ne ĝuos troan komforton. Modera internaĵo kun malmolaj sidiloj, kaj mallongaj apogiloj laŭ *Siemens* estis konstruataj laŭ postulo de varsovia trafika entrepreno, ĉiukaze en livero por aliaj ekspluatistoj ĝi povas kompreneble diferenciĝi.

Nuntempe jam okazas produktado de 21 sesvagonaj veturilkombinaĵoj por Munkeno (kun aĉetrajto por pliaj 46). Ĉi tiuj de la varsoviaj diferencas per estetika aspekto, entute temas pri luksa plenumo. Konstrua evoluo de la *Inspiro* startis komence de la jaro 2008, kaj ĝia ĉefa alportaĵo estas – dank´ al pli moderna movo kaj motoroj – relative malaltaj elspezoj por ekspluatado kaj bontenado. Plia avantaĝo de la veturiloj estas la fakto, ke post ilia eksservigo estos ebla ilia renovigo je 97,5 procentoj.

## *Pollando*: Transporto sur propraj radoj ĝis ekspluatanto

Unuaj dek metro-vagonkombinaĵoj produktataj en Vieno estas transportataj unu post la alia al sia ekspluatanto sur siaj propraj radoj per fervojo. La fabrikisto *Siemens AG Österreich* kunlabore kun la aŭstra ekspedfirmao *Express-Interfracht*, inkluzive de ĝia ĉeĥa filio *Express-Interfracht Czech,* prizorgas la transporton sur la tuta fervoja itinerparto. En la transporto krome partoprenas fervojaj trafikistoj *Rail Cargo Austria* (sur aŭstra linioparto el ekspedstacio *Simmering Aspangbahn* en Vieno al *Břeclav*), *ČD Cargo* (el *Břeclav* al pola landlima stacio *Chalupki*), kaj *PKP Cargo* (tra Pollando al Varsovia stacio *Okęcie*).

La unua veturilkombinaĵo tiumaniere ekveturis en la dua duono de decembro 2012. Sesvagonan kombinaĵon akompanis krome du specialaj interligaj vagonoj, modifitaj el originaj vagonoj tipo *Shimms RCA*, kaj dek varvagonoj ŝirmaj kaj bremsadaj de tipo *Eas* de *PKP Cargo*.

Preparis: **Jindrich Tomísek**

Reviziis: **Heinz Hoffmann**

**INTERNACIA FERVOJISTO**
**63-a aldonjaro**

Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia Fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Rodica Todor
B-dul. Valea Cetatii nr.22,
bl. B 24, sc. A., ap.5
RO-500289 Brasov
„rodica_todor@yahoo.com"

**Vicprezidanto:** Sylviane Lafargue
8 bis avenue Anatole France
FR-94600 Choisy-le-Roi
„sylviane.lafargue@dbmail.com"

**Sekretario:** Vito Tomillo
Via Salvo D'Acquisto 9/5
IT-40050 Monte San Pietro (BO)
„vitomi@virgilio.it"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
„laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktora komisiono:**
**Gvidanto:** István Gulyás
Rákos út 98. I/9
HU-1155 Budapest
„istvan.gulyas@hdsnet.hu"
**Membroj:** B. Henry, J. Patay, J. Ripocle

Franca poŝtĉekkonto:
**Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 Eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR33200410101109293 74Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Menetjegynyomda Kft
Szent László tér 20
HU-1102 Budapest
**„www.ifef.net"**
ISSN 0230-323x

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
„niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
„hoffmann-ifef@cablemail.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
„kovar.lad@email.cz"




**Emblemo de la 66-a IFEF-kongreso**



**La akvofalo Skogafoss en Islando.**